Esperanto servu pacon!

AKTUALE

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1978/79 №7(61) Aprilo

## LA FONDA KONFERENCO DE ASE

La 14-an de marto 1979 en la konferenchalo de Moskva Domo de amikeco kun eksterlandaj popoloj kunvenis cento da delegitoj kaj kelkdeko da gastoj por partopreni la Tutsovetian fondan konferencon de la Asocio de sovetiaj esperantistoj.

La Konferencon malfermis prezidanto de la Organiza komitato M.M. Pesljak.

La delegitoj konfirmis la tagordon kaj reglamenton de la kunsidoj. Estis elektitaj la laboraj organoj de la Konferenco: prezidiumo, mandata komisiono, sekretariaro, redakta komisiono.

La raporton "Pri la stato kaj rimedoj por plibonigo de la esperantista laboro en la lando kaj pliefikigo de la internaciaj rilatoj" faris prezidanto de la E-Komisiono ĉe SSOD - profesoro, doktoro de filologiaj sciencoj M.I.Isajev. Li menciis pri la grava signifo, atribuata en USSR al soci-politika aktiveco de la laborulo en la sfero de internaciaj kontaktoj, skizis la agadon de SSOD kaj ties E-Komisiono, aparte prilumis viziton de la 105-persona delegitaro de sovetiaj esperantistoj al la Kongreso de UEA kaj Konferenco de MEM en Varno. Gravan parton de la raporto okupis analizo de sciencaj aspektoj de la internacia lingvo, rakonto pri la interlingvistika agado en USSR. K-do Isajev atentigis, ke la fondata Asocio, diference de la ĝisnuna E-Komisiono, okupiĝos pri la tuta komplekso de la problemoj, ligitaj kun la esperantista agado en Sovetio. Necesos uzi novajn formojn de laboro kun lokaj E-organizaĵoj kaj samtempe studi kaj utiligi la ĝisnunan sperton de la E-movada praktiko, levante ĝin sur pli altan organizan kaj soci-politikan ŝtupon, konkludis la raportinto.

La raporton "Pri fondo de la Asocio de sovetiaj esperantistoj" prezentis vicprezidanto de la Prezidiumo de SSOD M.M.Pesljak. La Organiza komitato, diris li, difinis el diversaj fontoj, ke en USSR estas ĉ. 10 mil esperantistoj. La E-kluboj kaj rondetoj funkcias plejparte ĉe sindikataj kulturdomoj, ĉe urbaj aŭ distriktaj komitatoj de komsomolo. Menciinte la ĉefajn laborformojn de la surloka E-agado, k-do Pesljak atentigis pri ties gravaj mankoj: diseco de la kluba laboro, nekontentiga instruado de la lingvo. La 27-an de decembro 1978 Buroo de Prezidiumo de SSOD, Sekretariaro de VCSPS kaj Sekretariaro de CK VLKSM faris komunan decidon pri kreo de la E-Asocio cele al ordigo de la enlanda movado. La Asocio estas fondata enkadre de SSOD kun partopreno de VCSPS kaj CK VLKSM . La Organiza komitato, kiu estis establita per la menciita decido, aprobis la projekton de Regularo pri ASE kaj nun prezentas ĝin al la Konferenco por analizo kaj konfirmo. La projekto ne entenas ĉiujn detalojn pri la agado de ASE, substrekis la raportinto, sed la estonta laboro kaj la akumulota sperto donos eblon perfektigi ĝin.

Sekvis raporto de la mandata komisiono fare de ĝia prezidanto A.I.Makovskij. Li prezentis kelkajn ciferojn pri la konsisto de delegitoj. La 101 ĉeestintaj konferencanoj estis senditoj de 10 uniaj kaj 1 aŭtonoma respublikoj, 19 teritorioj kaj regionoj. Ili reprezentis pli ol 4 mil esperantistojn, unuigitajn en dekoj da kluboj. Ĉiuj delegitoj estas aktivaj sociagantoj.

Debate parolis V.Samodaj (Moskvo), D.Perevalov (Moskvo), G.Sevak (Jerevan), J.Ojalo (Tallinn), A.Koroleviĉ (Lvov), S.Krajnov (Moskvo), S.Podkaminer (Leningrado), B.Kolker (Ufa), A.Skupas (Vilnius), M.Paŝĉenko (Moskvo), N.Kinskaja (Moskvo), A.Gonĉarov (Barnaul), E.Jaunvalks (Riga), A.Masenko (blinda esperantisto el Kislovodsk, gasto de la Konferenco), A.Makovskij (Moskvo), V.Sapoĵnikov (Krasnojarsk).

La konferencanoj unuanime decidis sendi al Vjetnama Pacdefenda E-Asocio telegramon de solidareco okaze de la heroa batalo de la vjetnama popolo kontraŭ la ĉina agreso.

Konkludajn parolojn faris la raportintoj M.I.Isajev kaj M.M.Pesljak.

La delegitoj per unuanima voĉdono akceptis la decidon pri la fondo de ASE kaj konfirmo de ties Regularo. Estis akceptita ankaŭ decido pri bazaj taskoj kaj agaddirektoj de la Asocio.

La Konferenco unuanime elektis 59-personan Estraron de ASE, kiu gvidos la estontan agadon de la Asocio.

Al la Konferenco venis salutmesaĝoj de Hungara E-Asocio, Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de GDR, redakcio de "Internaciisto" (Aŭstrio), Internacia Ligo de E-instruistoj.

La Konferencon ĉeestis respondecaj funkciuloj de CK KPSU, SSOD, VCSPS, CK VLKSM, korespondantoj de gazetaro, televido kaj radio.

DECIDO
de la Tutsovetia fonda konferenco
de la Asocio de sovetiaj esperantistoj

La Tutsovetia konferenco, reprezentanta Esperanto-klubojn kaj Esperanto-organizaĵojn de urboj, regionoj, teritorioj, aŭtonomaj kaj uniaj respublikoj, DECIDAS:

1. Fondi la Asocion de sovetiaj esperantistoj (ASE).
2. Konfirmi la Regularon pri la Asocio de sovetiaj esperantistoj.

DECIDO
de la Tutsovetia fonda konferenco
de la Asocio de sovetiaj esperantistoj

Aŭskultinte kaj pridiskutinte la raporton pri la stato kaj rimedoj por plibonigo de la esperantista laboro en la lando kaj la demandon pri fondo de la Asocio de sovetiaj esperantistoj (ASE), la Konferenco, reprezentanta Esperanto-klubojn kaj Esperanto-organizaĵojn de urboj, regionoj, teritorioj, aŭtonomaj kaj uniaj respublikoj, aprobas la decidon de SSOD, VCSPS kaj CK VLKSM pri kreo de la Asocio kaj akceptas ĝin kiel esprimon de zorgo kaj helpo pri ordigo kaj evoluigo de la Esperanto-movado en nia lando.

Ĝenerala sekretario de CK KPSU, Prezidanto de Prezidiumo de Supera Soveto de USSR kamarado L.I.Breĵnev plurfoje substrekis la grandegan signifon de la fortoj de socialismo en solvo de gravaj internaciaj problemoj. La sovetiaj esperantistoj opinias sia unuaranga devo aktive partopreni, kune kun vastaj rondoj de la sovetia socialaro, en la nobla lukto por ĉiurimeda larĝigo de la fronto de pacadeptoj. Ni konsideras la internacian helpan lingvon Esperanto kiel unu el iloj por disvastigi la veron pri nia soveta realeco, pri evoluo de ekonomio, scienco kaj kulturo en USSR, pri la interna kaj ekstera politiko de nia ŝtato kaj disvastigi la ideojn de interkompreno, kunlaboro kaj interpopola amikeco, malstreĉiĝo de la internacia tensio, tutmonda paco. Esperanto devas helpi al la sovetiaj esperantistoj pri konatiĝo kun la vivo, laboro, kulturo, sociaj problemoj de laboruloj en eksteraj landoj, plifirmigi la aferon

de internaciismo. La decido pri kreo de la Asocio metas sur nin altan respondecon kaj devigas ne nur vastigi, sed ankaŭ profundigi nian agadon en la sfero de evoluigo kaj firmigo de la internaciaj ligoj, fari ilin pli efikaj.

Dekretante la fondon de la Asocio de sovetiaj esperantistoj, la Konferenco DECIDAS:

1. Konsideri ĉefa tasko de la Asocio kaj ĝin enirantaj esperantistaj organizaĵoj partopreni, helpe de la lingvo Esperanto, en firmigo de amikeco kaj evoluigo de kulturaj ligoj de la sovetia popolo kun popoloj de eksteraj landoj por interesoj de firma paco, sekureco kaj kunlaboro; helpi al esperantistoj pri studado aŭ profundigo de scioj de la lingvo Esperanto; eduki ĉe la sovetiaj esperantistoj la sentojn de patriotismo kaj internaciismo, nekompromisemo al reakcia ideologio, al faŝismo, koloniismo, rasa diskriminacio kaj socia maljusto. La Asocio kontribuos al evoluigo de la internaciaj ligoj de sovetiaj esperantistoj kaj koordinos la agadon de lokaj Esperanto-organizaĵoj en la interna kaj internacia sferoj.

2. Proponi al Estraro de la Asocio en laŭeble nelonga tempo en intima kontakto kun la sindikataj kaj komsomolaj organizaĵoj efektivigi laboron pri registro de antaŭviditaj en la Regularo lokaj organizaĵoj (kluboj, rondetoj, urbaj, regionaj, teritoriaj kaj respublikaj filioj aŭ Asocioj) por altiri ilin al aktiva laboro pri vastigo kaj firmigo de la internaciaj ligoj kun eksterlandaj esperantistoj en la komuna lukto por interkompreno, malstreĉiĝo, malarmado kaj tutmonda paco. Dum 6 monatoj ellabori kaj konfirmi tipan regularon pri Esperanto-klubo.

3. Por pli efika organizo de laboro rekomendi al la Estraro krei specialigitajn sekciojn aŭ komisionojn (organiz-amasan, pri internaciaj ligoj, pri gazetaro kaj informado, pri akcepto kaj helpo al eksterlandaj esperantistoj-turistoj, junularan, virinan k.a.).

Komisii gvidon de la sekcioj kaj komisionoj al spertaj kaj kvalifikitaj aktivuloj-esperantistoj.

4. Komisii al la Estraro peti ĉe SSOD, VCSPS kaj CK VLKSM prepari la demandon pri establo de eldonado de soci-politika kaj literatur-belarta revuo en Esperanto kaj informa bulteno de la Asocio en la rusa lingvo. Starigi kontakton kun administrejoj pri rimedoj de amasa informado (preso, agentejo APN, Ŝtata komitato pri televido kaj radio) por prilumadi la agadon de la Asocio kaj utiligi Esperanton el la vidpunkto de taskoj de ASE.

5. Rekomendi al la Estraro evoluigi kontaktojn kun internaciaj esperantistaj organizaĵoj tiel universalkarakteraj (UEA, TEJO), kiel fakaj kaj naciaj. Entrepreni rimedojn por garantii aktivan partoprenon de la Asocio en la 64-a Kongreso de UEA kaj 35-a Kongreso de TEJO kaj studi la demandon pri kunlaboro kun tiuj organizaĵoj.

6. La Estraro kaj lokaj organizaĵoj aktive partoprenu la laboron de MEM.

7. Komisii al la Estraro ekkontakti konformajn organizaĵojn por garantii aktivan organizitan partoprenon de sovetiaj esperantistoj en gravaj soci-politikaj aranĝoj de proksimaj jaroj (efektivigo de la Jaro de infano, Olimpiko-80 k.a.).

8. Proponi al la Estraro de la Asocio ĉe ellaboro de planoj por praktika laboro konsideri la proponojn, prezentitajn de delegitoj dum la laboro de la Konferenco kaj entrepreni rimedojn por ties realigo.

Praktiki pli vastajn interŝanĝojn kun Esperanto-organizaĵoj de socialismaj landoj, uzi por realigo de ligoj kaj kontaktoj kanalojn de specialigita turismo ktp.

* * *

La Konferenco alvokas ĉiujn sovetiajn esperantistojn aktive partopreni laboron de la Asocio, kiu devas esti farata sub signo de

firmigo de la internacia solidareco de laborulo̥j en lukto por paco, amikeco, libero, egaleco, frateco kaj feliĉo de ĉiuj popoloj.

La Konferenco certigas, ke la sovetiaj esperantistoj, kiel unu el taĉmentoj de sovetia sociolaro, kune kun la sovetia popolo subtenados kaj realigados la internan kaj eksteran politikon de Soveta ŝtato, KPSU, Politburoo de CK de nia partio frunte kun kamarado L.I.Breĵnev.

KONSISTO DE LA ESTRARO DE ASE

La Estraron gvidas 13-persona Prezidiumo: M.I.Isajev (Moskvo) - prezidanto, A.I.Makovskij (Moskvo), S.N.Podkaminer (Leningrado), V.V.Samodaj (Moskvo), N.B.Zubkov (Moskvo) - vicprezidantoj, A.V.Berjoza (funkciulo de SSOD) - respondeca sekretario, G.J.Kanajev (respondeca funkciulo de VCSPS), B.G.Kolker (Ufa), A.I.Koroleviĉ (Lvov), E.E.Kuuskül (prezidantino de Estona E-Komisiono), N.N.Muĥin (respondeca funkciulo de CK VLKSM), D.A.Perevalov (Moskvo), R.R.Saakov (respondeca funkciulo de SSOD) - membroj de la Prezidiumo.

Membroj de la Estraro estas ankaŭ: V.Aroloviĉ (Moskvo), V.Bespalov (Soĉi), A.Buŝs (Riga), D.Cibulevskij (Ĥarkov), L.Donskaja (Moskvo), F.Eisen (ministro pri klerigo de Estona SSR), Al.Gonĉarov (Moskvo), An.Gonĉarov (Barnaul), V.Grigorjev (Moskvo), V.Grigorov (respondeca funkciulo de VCSPS), V.Jusjkoviĉ (Moskvo), B.Kameŝkov (Leningrado), A.Kazakov (Moskvo), S.Kocarj (Krasnodar), O.Kolesnikov (sekretario de Oktobra RK VLKSM, Leningrado), M.Kopilenko (Alma-Ata), A.Koroljov (respondeca funkciulo de CK VLKSM), G.Korotkeviĉ (Moskvo), S.Kotljarov (Meĵdureĉensk), S.Krajnov (Moskvo), S.Kuznecov (Moskvo), L.Lazareva (respondeca funkciulino de VCSPS), L.Lopatina (Moskvo), J.Majburova (Kievo), L.Medvedeva (Moskvo), A.Melnikov (Rostov-Don), S.Neilande (Riga), L.Novikova (Miass), J.Ojalo (Tallinn), M.Paŝĉenko (Moskvo), A.Patatjan (Jerevan), V.Poltirev (Ivanovo), V.Sapoĵnikov (Krasnojarsk), G.Sevak (Jerevan), V.Sibircev (Novosibirsk), A.Skupas (Vilnius), F.Staneŝnikov (Moskvo), K.Ŝakirov (Taŝkent), V.Ŝiŝko (Minsk), G.Tkeŝelaŝvili (Tbilisi), L.Toidze (Tbilisi), B.Tokarev (Moskvo), E.Tuganov (direktoro de la Domo de amikeco), A.Vaitilaviĉius (Vilnius), I.Valina (Moskvo), L.Vulfoviĉ (Moskvo).

EL LA REGULARO PRI ASE

La Asocio de sovetiaj esperantistoj estas socia organizaĵo, unuiganta klubojn, kolektivojn, rondetojn kaj aliajn grupojn de sovetiaj civitanoj, posedantaj la lingvon Esperanto aŭ studantaj ĝin.

Praktika agado de la Asocio efektiviĝas per:

a) korespondo kun konformaj eksterlandaj organizaĵoj, interŝanĝo kun ili de presitaj eldonaĵoj kaj aliaj informaj materialoj, interŝanĝo de delegitaroj, prelegantoj, specialigitaj turistaj grupoj, okazigo de internaciaj renkontiĝoj, partopreno en kongresoj kaj konferencoj de internaciaj kaj naciaj esperantistaj organizaĵoj;

b) okazigo aŭ helpo en organizo de instruaj kaj kultur-amasaj aranĝoj - konferencoj, seminarioj, prelegejoj k.a.;

c) eldono, konforme al la fiksita ordo, de lernolibroj, soci-politika, belarta, stud-metodika literaturo en Esperanto, partopreno en disvastigo de sovetiaj Esperanto-eldonaĵoj eksterlande kaj konatigo de sovetiaj esperantistoj kun progresa eksterlanda literaturo en Esperanto;

ĉ) altiro de atento de rimedoj de amasa informado al la agado de sovetiaj esperantistoj.

Membroj de la Asocio povas esti kluboj, kolektivoj, rondetoj de esperantistoj, kreitaj kaj funkciantaj ĉe lokaj sindikataj komitatoj, urbaj aŭ distriktaj komitatoj de komsomolo, agnoskantaj la celojn kaj taskojn de la Asocio kaj agantaj en la spirito de tiu ĉi Regularo.

Membrigon al la Asocio efektivigas Prezidiumo de la Estraro de la Asocio surbaze de peticio de la klubo aŭ rondeto de esperantistoj.

Membroj de la Asocio rajtas:

a) esti reprezentitaj en la konferencoj kaj kunvenoj de la Asocio kaj ankaŭ en ties gvidorganoj;

b) prezenti al la Asocio proponojn pri ĉiuj demandoj, apartenantaj al ties kompetenteco;

c) efektivigi instruan kaj kultur-amasan laboron kun ilin konsistigantaj esperantistoj;

ĉ) uzi materialojn, destinitajn por membraj organizaĵoj, apartenantaj al la Asocio.

Membroj de la Asocio devas:

a) plenumi la Regularon pri la Asocio;

b) aktive partopreni la agadon de la Asocio;

c) plenumi decidojn de la gvidorganoj de la Asocio;

ĉ) raportadi antaŭ la gvidorganoj de la Asocio pri sia laboro.

Klubo, kolektivo de esperantistoj rajtas eliri el la Asocio, akceptinte respektivan decidon kaj ĝustatempe avertinte pri tio la Asocion.

Membroj de la Asocio povas esti eksigitaj el ties vicoj fare de la Estraro pro sistema neplenumo de la Regularo pri la Asocio kaj de la gvidorganaj decidoj.

## CENTRA GAZETARO PRI LA ASE-KONFERENCO

La 17-an de marto aperis artikoloj pri la Fonda konferenco de ASE en tri centraj ĵurnaloj: "Komsomolskaja pravda" ("Pogovorim na esperanto?", V.Istomin, p.4), "Trud" ("Esperanto ne znajet granic", J.Suŝkov, p.4), "Uĉitelskaja gazeta" ("Jazik druĵbi", M.Popov, p.4). Sekvasemajne en "Moskvaj Novaĵoj" N°12 (angla, franca kaj araba eldonoj) aperis informo pri la Konferenco sur p.8 sub la rubriko "En la Domo de amikeco", kaj en "Nedelja" N°12 sur p.11 sub la titolo "Vozmoĵen li obŝĉij jazik?" estis publikigita intervjuo kun M.Isajev, en kiu inter aliaj faktoj estas menciita ankaŭ la fondo de ASE.

## ASE KAJ NIALANDA JUNULARA ESPERANTISTA MOVADO

La fondo de ASE estas ne supertaksebla, historia evento por la esperantista movado en USSR. Tiu ĉi evento estas entuziasme akceptita de esperantistoj en socialismaj landoj kaj ricevis pozitivan reeĥon ĉe progresemaj esperantistoj en ĉiuj aliaj landoj. Grandaj perspektivoj malfermiĝis por nialanda E-movado. Jam estas ellaborataj vastaj planoj de organiza, inform-propaganda, instrua kaj eldona laboro. ASE eniros en la internacian E-scenejon, kie ĝi sendube baldaŭ okupos lokon decan por nia potencega lando. Jam malfermiĝis por Esperanto paĝoj de diversaj centraj gazetoj, kiuj ĝis nun tute neglektis nian movadon.

En tiu ĉi situacio gravaj problemoj ekstaras por la sovetia esperantista junularo. SEJM faris grandan, modelan laboron en la periodo, kiam ĝi fakte estis la sola tutsovetia organizita movado. Agnosko de tiu ĉi fakto trovis respeguliĝon en konsisto de la gvidorganoj de ASE: pli ol dek SEJM-gvidantoj kaj aktivuloj estis elek-

titaj al la Estraro kaj ĝia Prezidiumo. Du el la kvar vicprezidantoj de ASE estas Honoraj Aktivuloj de SEJM. Estas fondita la junulara sekcio de ASE, kiun direktos la ĝisnunaj SEJM-gvidantoj.

En la anticipe skizitaj proponoj por agado de diversaj sekcioj de ASE estas antaŭviditaj por la junulara sekcio (JS) jenaj aktivadoj: helpo al laboro de la junularaj sekcioj de la respublikaj asocioj kaj de la periferiaj esperantistaj kolektivoj; partopreno en junularaj aranĝoj, inkluzive preparadon kaj organizadon de la someraj tendaroj, internaciaj konstrutaĉmentoj kun partopreno de junaj esperantistoj el socialismaj landoj, diversaj renkontiĝoj, seminarioj ktp.; eldono por eksterlandaj esperantistoj de materialoj pri partopreno de la sovetia junularo en konstruado de komunismo, porpaca agado kaj aliaj sferoj de internacia kunlaborado; starigo kaj evoluigo de amikecaj kaj kulturaj ligoj kun la naciaj junularaj E-organizaĵoj; kontaktoj kun TEJO, celantaj reprezentadon en ĝi de sovetia esperantista junularo; interŝanĝo de informmaterialoj kaj literaturo kun eksterlandaj esperantistoj; organizado de delegacioj por internaciaj aranĝoj (kongresoj, konferencoj, tendaroj, simpozioj ktp.). Tiun ĉi laboron la junulara sekcio faros kontakte kun la organiz-amasa, internacia kaj eldona sekcioj.

Ĉu en tiu ĉi situacio devas ekzisti SEJM, kiel paralela organismo? Evidente, ne. La plej ĉefaj funkcioj de SEJM estos transdonitaj al la centra kaj respublikaj JS-oj. La lokaj junularaj kluboj certe restos same funkciantaj kiel ĝis nun kaj aliĝos kiel kolektivaj membroj al ASE.

Kio koncernas la informilojn de SEJM "Aktuale" kaj "Kurte" - miaopinie ili devas, laŭ interkonsento kun la Prezidiumo de ASE, ekzisti kiel organoj de JS, ĝis kiam komencos regule aperadi la revuo kaj bulteno de ASE, en kiuj ekzistos konstantaj junularaj rubrikoj. Sed eblas, ke "Aktuale" restu eĉ poste, kiel pordiskuta kaj informa bulteno de JS.

Kiel tute nova agadsfero por JS-oj estas laboro inter studentaro kaj mezlernajanoj, speciale junpioniroj.

Kompreneble, la sukceso de JS-agado multe dependos de la kontaktoj kun nia patrono - Komsomolo, en Moskvo kaj en la periferio (respublikoj, urboj).

Certe, en la unua organiza periodo estos multaj problemoj solvendaj, diversaj malglataĵoj forigendaj. Sed la estonteco estas klara kaj ege optimisma.

Nun ĉio dependas de nia agemo, unueco, disciplineco, iniciato!

S.Podkaminer, Honora Aktivulo de SEJM.

## LA FONDIĜO DE ASE: REZULTOJ KAJ PERSPEKTIVOJ

Tiun ĉi tagon ni atendis dum pli ol 20 jaroj - ne nur atendis, sed laboris. Sen nia persista laboro tiu tago ne venus.

Antaŭ iom pli ol du jaroj grava respondeculo diris al mi: "Denove vi parolas pri Asocio! Ne havos vi asocion!". Sed jen li mem, laŭ direktivo de pli superaj instanculoj, devis okupiĝi pri organizo de ASE kaj faris tion sufiĉe zorge.

Verŝajne, neniu foriris post la Konferenco malkontenta. Ni konservis la plej ĉefan: eblon agi laŭ nia bontrovo. Restos niaj tendaroj kaj renkontiĝoj: ili simple estos antaŭviditaj en la planoj de ASE. Ni kreis la junularan sekcion. En la Prezidiumon kaj Estraron de ASE eniris multaj konataj aktivuloj de SEJM. Ni gajnis publikecon, eblon pli vaste aboni kaj akiri librojn per kutimaj en nia socio kanaloj, ricevi helpon de lokaj instancoj. Certe, ni havos propran revuon, eldoniĝos multe pli da libroj. Ĉu ni ion malgajnis? Evidente. Pri detaloj ĉiu povas pensi mem. Sed tio, kion ni gajnis

kaj konservis, sendube superas la malgajnojn.
SEJM ne mortis kaj ne devas morti. Ĝi tiel maturiĝis, ke ne plu povis konservi sian formon. Ĝi transformiĝis al ASE. Do ni plu laboru por konservi niajn tradiciojn, por plifirmigi niajn sukcesojn kaj malpliigi niajn malgajnojn! La novaj kondiĉoj devas labori por ni, sed ne kontraŭ ni. Tio grandparte nun dependas de nia unueco kaj aktiveco.

B.Kolker, Honora Aktivulo de SEJM.

## SEJM LIKVIDIĜAS, LA AGADO DAŬRAS

Jam en la komenco de SEJM unu el ĝiaj ĉefaj celoj estis pruvi al komsomolaj kaj partiaj instancoj utilecon de Esperanto por la soveta socio. Finfine ni tion iugrade sukcesis! Sur nia vojo estis ĉio: ĝojoj kaj fiaskoj, sukcesaj E-tendaroj kaj perdo de samideanoj, interesaj klubaj entreprenoj kaj senrezultaj E-kursoj. Nun ni havas Asocion de sovetiaj esperantistoj ĉe SSOD. Unu el ĉefaj celoj de SEJM - oficialiĝo - estas plenumita, kaj preskaŭ ĉiujn aliajn celojn ni povas plenumi en kadroj de ASE. Mi devas diri, ke kreo de ASE ankoraŭ ne signifas, ke nia gvidantaro jam plene komprenas la utilecon de Esperanto. Sufiĉas diri, ke eĉ iuj el nin gvidantaj SSOD-anoj skeptike rilatas al Esperanto. Sekve, ni pliaktivigu nian laboron: instrui Esperanton, organizadi E-tendarojn, uzi Esperanton en porpaca batalo, en propagando de Sovetio eksterlande kaj multo alia. Kaj rilate al skeptikuloj - konvinki, konvinki, konvinki.
Kompreneble, SEJM agadis tiel larĝe, ke eĉ la nunaj ASE-kadroj ne povas ĉion enpreni. Ne gravas, se ion ASE dume ne enprenas, ni ja povas kunlabori sur kluba nivelo. Niaj kluboj restas, iliaj adresoj estas interkonataj, kaj ni daŭre tenu korespondajn kontaktojn. Ekzemple, apenaŭ la statuloj de SSOD dissendos laŭ klubaj adresoj sovetiajn gazetojn kun priesperantaj materialoj. Nun mi anoncas laŭ peto de Krasnojarska E-klubo, ke ĉiuj, kiuj volas interŝanĝi lokajn gazetojn kun priesperantaj materialoj, tiuj sendu siajn gazetojn en la kvanto ĉirkaŭ 50 (se ne eblas, do malpli) al Krasnojarsk. Simile estu pri aliaj negrandaj aferoj. Sed en sia ĉefa agado la kluboj nepre tenu fortan kontakton kun la ASE-Estraro.
En la novaj kondiĉoj de E-movado mi opinias jenajn celojn ĉefaj: akiri proprajn klubejojn, fortikigi klubojn strukture, daŭrigi pruvadon pri utileco de Esperanto sur loka kaj ŝtata niveloj, okupiĝi pri Esperanto science, pliefikigi la instruadon. Por ne multe ripetiĝi - ni daŭrigu plenumadon de ĉiuj ideoj, starigitaj pli frue en SEJM. Ĉiuj eldonitaj numeroj de "Aktuale" ne perdos aktualecon en proksimaj dek jaroj. Do, legu kaj relegu "A", bindu la jarkolektojn, donu legi al novaj aktivuloj. Kiel interese instrui Esperanton, kiel prelegi pri Esperanto, kiel organizi bonajn klubkunvenojn kaj tiel plu - en la jarkolektoj de "A" kaj aliaj SEJM-informiloj de 1965 ĝis 1979 vi trovos riĉegan respondon.
SEJM likvidiĝas, sed la okuloj ne larmas, ĉar SEJM-anoj daŭrigas la agadon en la sama harmonio.

A.Gonĉarov, la unua prezidinto de SEJM.

## NE FORGESI PRI SEJM!

La rolo de SEJM en la antaŭasocia periodo de nia movado estis tiom grava, ke honesta esperantisto neniam prisilentos ĝin. Nun, kiam SEJM "transiris al ASE", mi rekomendus al ĉiuj rememori, kiel ĝi aperis kaj evoluis, kio ĝi estis.

La historion de SEJM eblas dividi je almenaŭ 4 konvenciaj periodoj: Adresara (ĝis la somero 1967), Transira (ĝis la somero 1969), Regulara (ĝis la somero 1973) kaj Aktuala (ekde la somero 1973). Dum la Adresara periodo per Adresaro-interligilo reprezentiĝis junularaj aktivuloj. Dum la Transira SEJM esprimiĝis kiel kolektivo de kolektivoj. La Regularan periodon markis akcepto de SEJM-Regularo (cetere, la aŭtoroj de "Esperanto en perspektivo" ĝuste la jaron 1969, kiam estis akceptita la Regularo, konsideras la jaro de SEJM-fondiĝo). La Aktuala periodo distingiĝis per pli bona informado en kaj ekster SEJM, per altiro de kunlaborantoj el inter "onkloj".

LA APERO

La decido de la Montevidea UNESKO-Konferenco (1954) kaj la sobriga atmosfero de la XX-a Kongreso de kpsu (1956) influis renaskiĝon de la landa movado. Fondiĝis E-kursoj, E-rondetoj. Ankaŭ la Tutmonda junulara festivalo en Moskvo (1957) kun E-renkontiĝo kontribuis al tio: aperis la amasaj junularaj E-societoj "Fajrero" en Moskvo kaj "Aŭroro" en Leningrado.

Signifan vivigan impulson al la movado donis junularo de ĉebaltaj respublikoj, kiu laŭ iniciato kaj kun aktiva partopreno de E. Mozerts (Riga) ekde 1959 komencis organizi Ĉebaltajn studentajn kaj junularajn E-tendarojn - mallongigite ĈET, poste BET. BET iĝis tutunia lingvopraktikejo por novicoj kaj tribuno por interŝanĝo de novaĵoj, sed ho ve, ne pli. E.Mozerts entreprenis provojn unuigi E-junularon por komuna agado, sed sensukcese. Lia ideo aspektis tiel: junularaj respublikaj koordinaj delegitoj, urbaj koordinaj delegitoj (ĉiuj lokaj E-rondetoj subiĝas al ili); junularaj E-tendaroj; fotoĵurnalo "La tempo". Li deziris enkonduki tion en baltaj respublikoj, sed liaj klopodoj renkontis aktivan reziston de pliaĝuloj.

La apero de SEJM forte ligiĝas kun la iniciato de A.Gonĉarov (Barnaul) interkontaktigi ĉiujn junajn aktivulojn de la lando. Post la partopreno en la 49-a UK (Hago, 1964) li revenis kun firma intenco kompili adresaron de junaj sovetiaj esperantistoj por poste proponi al ili kunligon de la fortoj.

En 1965 A.Gonĉarov laŭ akiritaj adresoj sendis la alvokon reprezentiĝi ĉe "Adresaro - organiziĝo de la movado". Tiuj, kiuj reeĥis pozitive, fine de la jaro aperis en la Adresaro. Estis 18 rusiaj kaj ukrainiaj grupgvidantoj kaj aktivuloj (dominis soluloj kaj reprezentantoj de 3-7-personaj grupetoj), reprezentintaj ĉ. 150-personan aron. La kvanto de la aliĝintoj kreskis - al la fino de 1966 la kolektivon konsistigis jam ĉ. 200 esperantistoj de Sovetio.

Per la Adresaro stariĝis la unua kontakto en la landa skalo, sed necesis komuna tribuno. Komence A.Gonĉarov atribuis la rolon de tribuno por sovetia E-junularo al la bulgara junulara revueto "Kompreneble" (bulgaroj ĝin proponis por kunlabori), tamen evidentiĝis diversaj maloportunaĵoj. Fine de 1965 aperis la 1-a numero de la informilo "Juna esperantisto", kies unua redaktoro estis A.Gonĉarov mem. (Pli frue en Ĥmelnickij aperis revueto samtitola, sed ĝia spirito estis tute alia.)

Komence de 1966 formiĝis "Estraro de Adresaro" - A.Gonĉarov, V. Samodaj (Moskvo), B.Kolker (Kiŝinev, poste Birsk kaj Ufa). Samjare kooptiĝis M.Ŝevĉenko (Ustj-Kamenogorsk, poste Minsk), V.Bespalov (Soĉi), V.Ŝilas (Vilnius) kaj en 1967 - E.Perevertajlo (Taŝkent).

Laŭ propono de V.Samodaj la kreiĝantan kolektivon oni komencis nomi SEJM (Sovetia Esperantista Junulara Movado), kaj la gvidantaro prenis por si la titolon "Estraro de SEJM". Kiam somere de 1966 okazis du kunvenoj por diskuti aktualaĵojn de la junulara agado - unu en MET (Moldavia E-tendaro, kelkdeko da gejunuloj el diversaj lokoj de USSR), la alia en Apudmoskvo (kunsidis plejparte veturontoj al la 22-a TEJO-Kongreso en Hungario) - ambaŭloke oni jam uzis la titolon "SEJM".

TRA TUTA SOVETUNIO!

Malgraŭ tio, ke BETojn organizadis Junularaj delegitoj, la tendaroj iĝis ĉiam pli kaj pli "onklaj". En 1966, post kiam BET-8 konfirmis direktivon: "E-tendaroj estas destinataj por aktivuloj ... avantaĝe al junularo", kiu elvokis certan malkontenton inter aĝuloj, maturiĝis la konflikto. Du vilniusaj kluboj paralele deklaris sin organizantoj de la vica BET-9: la junulara "Juneco" - en naturo, la "onkla" - en la urbo mem. Neniu cedis - okazis du samtitolaj kaj preskaŭ samtempaj tendaroj. SEJM-Estraro subtenis la junularan, kaj dum la tendaro mem (apud urbeto Kaltanenai, 1967) okazis ŝanĝo de la titolo BET-9 al SEJT-9. Tio estis ne simpla renomo: la ŝanĝo notis, ke unue plimulto da partoprenantoj venas el eksterbaltaj respublikoj, due la junularaj tendaroj ne plu geografie ligiĝos al Balta maro (tamen, por substreki devenon elde BETtoj la numerado konserviĝis).

Somere de 1967 SEJM reprezentis jam ĉ. 250-personan kolektivon el 51 lokoj. Malgraŭ tio, ke en SEJT-9 partoprenis nur 18 personoj el la fama Adresaro, ĝi estis tre fruktodona kaj sufiĉe reprezenta tendaro: 150 personoj el 40 lokoj de USSR. Dum la tendaro funkciis la 1-a Seminario de junularaj aktivuloj. Estis definitive konfirmita la titolo SEJM, oni decidis pri la junularaj forumoj - SEJToj, pridiskutis eblecon reprezentiĝi ĉe CK VLKSM (sendis al ĝi salutan leteron). La tendaro demonstris vivkapablon de la juna movado, donis fortan impulson por kredo je propraj fortoj kaj markis finon de la Adresara periodo. Per SEJT-9 SEJM deklaris pri si kiel pri fakto. La jaron 1968 SEJM renkontis jam kiel kolektivo de ĉ. 460 esperantistoj (ĉ, 250 aktivaj) el 55 lokoj.

Dum la Transira periodo elstaris la koncepto, ke SEJM devas iĝi kolektivo de kolektivoj, sed ne de individuoj, kiuj ja neniun reprezentas krom sin mem. Maturiĝis la problemo pri ricevo de laŭeble plena bildo pri E-agado tra la lando. Ĝuste tiam A.Gonĉarov lanĉis la ideon pri respondilo por SEJM-kluboj - Enketo-raporto.

Ĉiam pli leviĝis la rolo de regionaj E-renkontiĝoj - ili helpis la klubojn konservi dumjare kontaktojn, akiri tajn entendare. Simile al regionoj ĉebalta (la renkontiĝoj okazadis ekde 1962) kaj okcidentsiberia (decembre 1966 okazis jam la 4-a!) komenciĝis E-renkontiĝoj en Centra Rusio kaj Uralo (tieaj 1-aj renkontiĝoj okazis novembre 1968 en Moskvo kaj Ufa). En regionoj kaŭkazia, ukrainia tiaspeca aktivado longe mankis, en Mezazio ĝi forestas ĝis nun.

Pri interna informado tiutempe laboris A.Jauŝkin (Kazanj), kiu kun helpo de kelkaj volontuloj-retajpistoj prizorgadis la informilon "Juna esperantisto" al pli ol 50 lokoj.

SEJM-Estraro provis atentigi al CK VLKSM pri ekzisto de junularaj E-grupoj kaj neceso doni al ili oficialan organizan formon. La respondo, ricevita en 1968, tekstis, ke la demando estas studata.

REGULARO

Komencon de la nova etapo signis SEJT-11 (Karpatoj, 1969). Tie V.Ŝilas proponis projektojn de SEJM-Regularo kaj de Enketo-raporto. La enketo elvokis viglan diskutadon, ĉefe pro poentigo de klubaj aktivecoj. Definitive redakti estis komisiita A.Vizgirdas (Klaipeda), la unua SEJM-sekretario.

Laŭ la Regularo SEJM anonciĝis kiel formo de kunlaboro inter E-kluboj. La ĉefa organo estiĝis Konsilantaro, kiun eniris reprezentantoj de ĉiuj aliĝintaj kluboj, gvidantoj de la fakoj kaj membroj de SEJM-Komitato (antaŭe Estraro). Estis difinitaj la postenoj kaj respondecoj de la komitatanoj. La konsisto: prezidanto, vicprezidantoj pri aferoj sekretariaj, eksterlandaj, financaj, propagandaj, fakaj - preskaŭ ne ŝanĝiĝis ĝis nun. (Prezidantoj de SEJM estis: A. Gonĉarov - 1966-69 kaj 1972-74, V.Ŝilas - 1969-71, B.Kolker - 1971-72, V.Arolviĉ (Moskvo) - 1974-76, M.Bronŝtejn (Tiĥvin, antaŭe Tula kaj Ĥmelnickij) - 1976, A.Melnikov (Rostov-Don) - 1977-79.)

Post enregistro de 6 novaj lokoj kaj forstreko de 12 malaktiviĝintaj SEJM unuigis 45 E-klubojn kaj grupetojn (dumjare pro nerapo-rtado kelkaj el ili estis forigitaj). Per voĉdonado (certe, aŭskultinte raportojn pri loka agado) oni elektis la plej aktivan E-klubon - tiun de Ufa.

Grava por pliefikigo de la laboro estis la decido apartigi laŭtempe SEJTojn kaj Seminariojn de aktivuloj (poste Konferencoj). Do la 4-a Seminario (Baŝkirio, 1970) okazis jam ne dum, sed antaŭ la tendaro. Inter la diskutitaj demandoj elstaris tiu pri neceso fortigi propagandon de Esperanto. Post tiam esperantistoj pli energie "trabatadis" artikolojn kaj sciigojn en loka kaj respublika gazetaro, organizis pli multajn prelegojn por neesperantistoj.

Okazis objektiva vicigo de SEJM-kluboj laŭ amplekso de plenumita laboro, dank' al poentigitaj respondoj al demandoj de la ekfunkciinta Enketo-raporto. Denove la unuan lokon okupis Ufa, sekvis Klaipeda, Vilnius, Barnaul, Riga. La 22-demandan enketon respondis 22 kluboj el 39. Cetere, al tiu tempo la anaro, kiun reprezentis la kluboj, kreskis ĝis 700 membroj.

AŬTORITATIĜO

Por priskribi la laboron, plenumitan de SEJM-funkciuloj kaj de la kluboj mem, necesus serio da apartaj artikoloj. Mi pretertuŝos nur kelkajn interesajn momentojn.

SEJM-Konferencoj estis la loko, kie oni fiksis novajn aktivecojn, planis la E-agadon profunden kaj disvasten, bilancis la atingojn kaj lanĉis novajn eksperimentojn. SEJM ĉiam pli zorgis pri sia kvalita kresko. Aperis la kategorio "klubo-kandidato": nova klubo aŭ kandidato por fortalo devis dum certa esplora periodo pruvi sian maturecon kaj diligentecon por esti en SEJM.

SEJM-Konferencoj ĉiam pli ofte atentis "onklajn" E-klubojn, izolulojn. Jam en la 5-a Konferenco ni konkludis pri neceso eldoni informilon por "eksteruloj", altiri ilin al kunlaboro. Pro manko de rimedoj kaj aliaj kaŭzoj la demando parte solviĝis poste - per enkonduko en 1973 de la kategorio "SEJM-subtenanto", konfirmita poste en la 8-a Konferenco. En la agadjaro 1975/76 SEJM havis pli ol 70 subtenantojn, en 1977/78 - 138, el ili 4 klubojn.

Por aktivigo de la esperantistaro nesupertaksebla estis la rolo de SEJM-informiloj. La tajpitan "Junan esperantiston" sekvis kolekto de diversklubaj materialoj "Akordo", kiun kompilis-redaktis N. Korĵenevskaja (Ufa). Por urĝaj informoj aperadis "Ekspres-bulteno" fare de A.Medinŝ (Riga), poste la redaktitaj de V.Ŝilas "Kio-Kiam-Kie" kaj "Kurte". Precipe grava estis la apero de solidenhava "Aktuale", kiun komence redaktis J.Vladimircev, poste V.Ebel (ambaŭ el Barnaul) kaj fine V.Aroloviĉ. Diference de pluraj aliaj E-revuoj, "Aktuale" konservos sian valoron ankaŭ post longa tempo.

Vastecon de SEJM-agado bone ilustras la fakoj kaj servoj. La unuaj fakoj - koresponda kaj magnetofona servoj - montris sian vivkapablon komence de 1967. Fine de 1978 funkciis: belarta, bibliografia, historia, instrua, interlingvistika, kolektanta, populariga, scienc-teknika, traduka fakoj kaj fota, koresponda, magnetofona servoj. Bone laboris koresponda, magnetofona servoj, kolektanta fako. Distingiĝis per sia serioza agado la scienc-teknika fako, gvidata de A.Gonĉarov. La laboron de STF partoprenis multaj sciencistoj-esperantistoj. Ĝia terminara sekcio laboris super politeknikaj kaj aliaj terminoj.

La agado de SEJM distingiĝis per demokratieco. Ekzemple, decidoj de SEJM-Konferencoj havis rekomendan karakteron por la kluboj. La Komitato estis elektata el po kelkaj kandidatoj al ĉiu aparte difinita posteno.

La aŭtoritato de SEJM kreskis ne nur inter sovetiaj esperantistoj, sed ankaŭ eksterlande. Ekzemple, komitatanigo de sovetianoj ĉe TEJO okazadis laŭ rekomendoj de SEJM. Pri funkciado de SEJM kiel

pri Konsilantaro de junularaj E-kluboj sciis ankaŭ oficialaj instancoj. SSOD, CK VLKSM, lokaj komsomolaj organoj ricevadis informojn pri SEJM-agado. Fine, ankaŭ neesperantista publiko dank' al pluraj artikoloj en la loka kaj respublika gazetaro, en "Moskvaj Novaĵoj" estis informita pri ekzisto de SEJM.

SEJM kompetente reprezentis la agadon de sovetiaj esperantistoj kaj enlande kaj eksterlande. Cetere, dank' al tio, ke en ĉiuj niveloj (renkontiĝoj, tendaroj, informiloj) SEJM uzis nur solan laborlingvon - Esperanton, la lingvonivelo de SEJM-aktivuloj estis alte aprezata fare de eksterlandaj kolegoj.

En Soveta Unio ĝis nun forestis E-Asocio, sed la movado, grandparte dank' al SEJM, ne velkis, sed konstante evoluis. Mi opinias, ke la gvidantoj kaj aktivuloj de ASE ankoraŭ longe povos ĉerpi la SEJM-sperton.

V.Ŝilas, Honora Aktivulo de SEJM.

RIMARKO (V.Samodaj). La unua Statuto de SEJM estis pridiskutita kaj aprobita dum la apudmoskva fonda renkontiĝo de SEJM somere 1966 laŭ la projekto ellaborita fare de B.Kolker.

## AŬTORA INDEKSO DE ARTIKOLOJ EN "AKTUALE" por la jarkolektoj 1976/77 - 1978/79

Ĉi-sube por ĉiu aŭtoro estas indikitaj la jarkolektoj (X=76/77, Y=77/78, Z=78/79) de ties artikoloj. Ne estis konsideritaj artikoloj fare de kolektivoj (ekz., Prepara Komitato de SEJT) kaj la sciigetoj en "Mozaiko". La jarindikon sekvas paĝnumeroj (komenco-fino).

LASTMOMENTE - LASTMOMENTE - LASTMOMENTE - LASTMOMENTE - LASTMOMENTE

En "Komsomolskaja pravda" 18.4.79., p.4 estis publikigita sufiĉe detala intervjuo pri Esperanto. Aperis nova E-suplemento al "Moscow News" N-16(2848), enhavanta la antaŭbalotan parolon de L.I.Breĵnev kaj materialojn pri la Fonda konferenco de ASE (decidoj, fotoj k.a.). La informilo estas uzenda nur enlande! Fintajpita 25.4.79.

La numerojn 1(55) - 7(61) redaktis V.Aroloviĉ. ĈI TIU N-RO - LA LASTA